

Año V (N.° 58)

Núm. 10

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

OCTUBRE 1953

RUZAFA, 7 VALENCIA (ESPAÑA)

## ¡LADRAN, LUEGO CABALGAMOS!

**Aunque preferiríamos silenciar el lamentable hecho, la sinceridad que debemos a nuestros lectores nos obliga a notificarles el desagradable e injustificado ataque de que acaban de ser víctimas los esperantistas, en general, y los católicos en particular.**

**Cierta revista barcelonésa, a la que creemos hacer un gran favor no mencionándola, en uno de sus pasados números insertó un artículo de tres páginas, con profusión de inadecuadas fotografías e impertinentes caricaturas de esperantistas locales. En dicho artículo, basándose en cierta capacidad husmeante para la truculencia, y con absoluta falta de fundamento material y lógico, dos periodistas, en aras a un supuesto deber, se han permitido llamar la atención de los esperantistas, especialmente de los esperantistas católicos, sobre la candidez de estar haciendo el juego a la masonería; apoyándose, para su peregrina acusación, sobre el empleo de las «demoníacas» palabras: «humanidad, paz, fraternidad, comprensión mutua», y por el uso de la estrella de cinco puntas, más que demoníaca, por lo visto, aunque desde hace muchísimo tiempo viene usándose, como distintivo o marca de instituciones y casas comerciales, muy alejadas de toda sospecha.**

**El hecho de haber aparecido tal artículo, después de haber sido entrevistados algunos respetables esperantistas barceloneses, que adujeron, en favor del Esperanto, abundantes argumentos convincentes, nos demuestra que los periodistas llevaban la idea preconcebida de producir una información tendenciosa, sin que les valiesen las simpatías papales, los fervores cardenalicios ni el historial inmaculado del movimiento esperantista, y en particular del actual esperantismo español, saturado de honradez y buena voluntad.**

**El Grupo católico de H. E. F., y la misma Federación, procediendo con mesura y energía, cursaron por vía legal la correspondiente protesta y la exigencia de la inmediata rectificación, abundando en argumentos irrecusables, que posteriormente fueron respaldados por autoridades eclesiásticas, que no quedaron tibias en la réplica.**

**Lamentamos que, en estos tiempos, y así, tan a la ligera, se lancen acusaciones tan graves contra entidades y personas dignísimas, entre las cuales, para vergüenza del maledicente, se encuentran católicos muy conscientes, sacerdotes ejemplares, misioneros abnegados y altos dignatarios de la Iglesia Católica, que repetidamente han contado con la bendición de varios Pontífices, y con no menos calor con la del actual Santo Padre.**

**¡Y pensar que todos ellos han tenido que escuchar «la voz de alerta» y los alarmantes avisos de un indocumentado escribidor, que nos cae ahora como segregado por la luna!**

**Por iletrada que sea una persona, aunque no sea publicista, debe saber que la estrella de cinco puntas consta en un sin fin de banderas nacionales, anglosajonas, iberoamericanas y musulmanas; que es insignia en muchos ejércitos, entre ellos el francés, norteamericano y español; que consta en el escudo de la capital de España, y fué introducida como simple emblema del Esperanto por el católico francés Marqués de Beaufront.**

**Las «pestíferas» palabras: paz, fraternidad, etc., se oyen a diario desde los púlpitos de todas las iglesias católicas, por recomendación papal, como admirable y sano principio en la obligación de no decir más que la verdad, y la de retractarse de los infundios propalados en posesión de una calenturienta imaginación o de una vergonzosa mala fé.**

**Esta es la pequeña historia del día. Comprendemos la exaltada indignación de nuestros samideanos, que, atentos al estudio de nuestro idioma y sus muy legítimos anhelos de que por él, algún día, disfrutemos de un mundo más comprensivo, se encuentran, sin comerlo ni beberlo, convertidos en tremebundos carbonarios, feroces encapuchados del Ku-Klux-Klan y azufrados conspiradores. ¿No hay motivo para morirse de risa?**

**Por nuestra parte, satisfechos con la tranquilidad de nuestra conciencia, y, por si ello no fuera bastante, con el aliento de quienes pueden dar autorizados consejos, nos limitamos a repetir la conocida y acertada frase: ¡Ladran, luego cabalgamos!...**

**ESTRELLAS SOBRE LAS IES.** Actualmente, cuando nos lanzan en la prensa alguna que otra alusión a la «estrella de cinco puntas», emblema del Esperanto, en esta misma prensa comprobamos que se va generalizando el uso de dicha estrella; por ejemplo, «Semana» lo emplea en la viñeta de la sección «Comentarios sobre Cine», y «Momento» en el título de «Los artistas y el Arte», sustituyendo los clásicos puntos sobre las ies.

## ◆ LINGVA KONKURSO: LERNU TRADUKANTE! ◆

**Supozante, ke, post la someta ripozo, vi troviĝas kun freŝaj fortoj, ni proponas al vi jenan fragmenton:**

Tasko n.° 8 TEKSTO: «Los hombres del Norte, que necesitan el tronco ardiente y la bebida alcohólica para defender su vida de las mandíbulas del frío, pensaban a todas horas en las riberas mediterráneas. Todos sus movimientos, belicosos o pacíficos, eran para descender de las orillas de los mares glaciales a las playas del mar tibio. Ansiaban la posesión de los campos donde el sagrado olivo alterna su ancianidad severa con la alegre viña; donde el pino extiende su cúpula y el ciprés yergue su minarete. Querían soñar bajo la nieve perfumada de los interminables bosques de naranjos; ser dueños de los valles abrigados, donde el mirto y el jazmín embalsaman el aire salitroso; de los volcanes mudos que dejan crecer entre sus rocas el áloe y el cactus; de las montañas de mármol que descienden sus blancas aristas hasta el fondo del mar...» *De una novela del escritor Vicente Blasco Ibáñez*

**Trastudu la tekston kaj traduku ĝin, laŭ via plej bona formo; ĝis la 1ª Decembro vi havas tempon por sendi la tradukon al**

**S-ro RICARDO QUILES, San Vicente, núm. 164 - VALENCIA**

---

*Jen la ĉefliteroj de tiuj konkursantoj, kies tradukoj trafis bonan akcepton pri la 6.ª Tasko:*

J. S. - M. A. P. S. - M. B. - A. E. R. - M. T. - A. C. - L. S. P. - J. E. G. - S. R. R.
M. V. - R. A. - V. J. R. - E. M. - V. M. - R. M. - J. A. M. - S. A. - D. E.

***Kaj jen la nomo kaj adreso de tiu, kiu per sia glata kaj ebena stilo, glate kaj ebene venkis en la konkurso: S-ro Juan Anguita Galán, Capitán Oviedo, n.° 9, Jaén, al kiu jam flugas la libropremio,*** **ESPERANTO SESDEKJARA,** ***kune kun nia elkora gratulo. Kelkaj samideanoj skribas al ni, ke ili sekvas kun granda intereso niajn prilingvajn konkursojn, kvankam mem ne partoprenas. Tiuj leteroj ĝojigas nin; sed, tio ne sufiĉas. Ni preferas, ke ĉiuj interesatoj konkuru per sia traduko, ĉar la abundeco de ricevitaj tradukoj estas la plej bona stimulo al nia penado. Ni esperas, do, ke pli granda nombro da samideanoj partoprenos niajn konkursojn; ĉar, kontraŭe ni opinios, ke la Sekcio ne estas bezonata. Samideanoj, disfaldu vian lingvan kapablecon! Partoprenu niajn konkursojn por kontroli, ĉu vi ĝuste lernis nian lingvon. Ne kredu al parolo, sen propra kontrolo!*** **Kaj nun, jen la korekta traduko por ke vi mem povu fari adekvatan komparon kun la via:**

«En la dezerta kaj nuda ebenejo, sen rokoj kaj sen arboj, ne povas ekzisti ombroj, kaj la imago ne povas krei fantomojn. En la ebenejo, la nebulo, kiam ĝi subiras, estas nenio alia krom mallumo; kaj, tial ke ĝi ne kolizias nek —pro tio— disŝiriĝas, kroĉiĝinte al iu objekto, ĝi ne povas alpreni tiujn timigajn konturojn, kiuj similas fantomajn kaj minacantajn estaĵojn. En la ebenejo, la vento neniam havas alian voĉon ol sian propran voĉon el vento; sed, ĝi ne kantas, pasante inter branĉoj aŭ inter folioj; ĝi ne siblas, glitante sur la ŝtonoj, nek ululas trovinte sin kaptita en la labirinto de la rokoj de la monto».

*Paragrafo el novelo de la verkisto Manuel Linares Rivas.*

---

**ESPERANTO KIEL ĜARDENA FLORO.** Ĝis la tago, kiam ĉiu esperantisto prizorgos la esperantajn aferojn, same kiel ĝardenisto flegadas la plej delikatajn florojn de sia ĝardeno, Esperanto ne floros nek disvolviĝos plenplene, kiel deziras la fervoraj pioniroj.

Por atingi belan floron, ne sufiĉas enterigi semon aŭ planti trunketon, atendante komforte sur molaj kusenoj ĝian naskiĝon aŭ kreskadon. Estas nepre necesa la ĉiumomenta atendado kaj atentado, ĉar alie la semo difektiĝos aŭ la plantaĵeto velkos kaj mortos, anstataŭ doni la atendatan premion. Eĉ, kiam la semo enradikiĝis aŭ la eta planteto kreskis, la ĝardenisto ne povas neglekti ilin dum pli ol unu tago. Tial, do, se ni deziras la efektivan sukceson de Esperanto, se ni vere volas kreskigi la esperantistaron, se ni kore amas la zamenhofajn idealojn, nepre ni devas streĉi niajn fortojn por puŝi antaŭen pli kaj pli la esperantan movadon, same kiel agas zorgema ĝardenisto, kiu atentas ĉiumomente pri siaj belaj kaj amataj floroj. **ANTONIO CRIACH** (Sabadell)

---

### TAGIĜO EN LA MONTO

Mi travivis iam, ie,
belan horon kun kontent',
kaj memoras nostalgie
pri sorĉiga firmament:

Estis ravanta momento
en monto, dum sunleviĝ;
mortis la nokta silento
kun komenco de tagiĝ':
La mallumon -ho mistero!-
suno pelis iri for
kaj mi sentis tutlibere
plenan ĝojon en la kor'.

Pace venis la mateno
dum pliiĝis hela lum';
la birdoj ĥore, sen peno,
salutis al ora sun'.
Akvo, saltanta el fonto,
freneze kuris al mar';
pace ĝi sprucis en monto
sed fariĝos bravgutar'.

Blovis vento iom freŝa,
kvazaŭ kiso de patrin',
kiam ŝi, kun am' karesa,
kontraŭ brusto premis min.
Sur verdaĵo, eta floro
balanciĝis pro la vent';
dum, interne de la koro,
dolĉe batis ia sent'.
Estis Sento, rememoro,
preĝi ame tuj al Di'.
kaj mi preĝis kun fervoro,
danka pro la vivo al Li...

**M. DE ELEZCANO** (Bilbao)

**Legita de la aŭtoro, en la Literatura Vespero de la 14ª Hispana Kongreso de Esperanto**

## TIO, KIO OKAZAS...

Sur la tero vivas 2351 milionoj da personoj. Por ili aperas ĉiutage 219 milionoj da ekzempleroj de gazetoj; t. e. el dek personoj, nur unu legas gazeton ĉiutage. 374 milionoj da enloĝantoj posedas radioaparaton; cetere, ekzistas pli ol 44 milionoj da kinejoj. Kiel bone oni vivus, se ĉio ĉi tio estus por ami unu la alian, por plialtigi kaj disvastigi la fidon kaj, konsekvence, por morale plibonigi la mondon.

---

Dum la jaro 1950ª, oni eldonis en Britio 17.072 librojn. Tiu ĉi lando troviĝas en unua vico. Ameriko eldonis dum la sama daŭro 11.022 librojn kaj Francio 9993. Malgraŭ la publikigado de tiom da libroj kaj gazetaj, ankoraŭ pli ol duono de la tutmonda loĝantaro ne scias legi nek skribi.

**El baskalingva Bulteno de religia kongregacio. GOI-ARGI. – Tradukita de S. ARIZMENDI (Eibar)**

## SFINKSA ANGULETO

### LA BICIKLETO

*Jozefo kaj Antono estas du fratoj kun unu sola bicikleto. Ili devas iri kune al proksima urbeto je distanco de dek kilometroj. La velocipedo estas malforta kaj ne povas porti ilin ambaŭ samtempe.*

**Kion, do, ili faris por gajni tempon kaj veni samtempe, uzante la bicikleton?**

**Estos akceptataj la solvoj ĝis 28. Novembro.**

---

SOLVO DE LA PROBLEMO

**LA TESTAMENTO DE LA ARABO**

EN LA PASINTA NUMERO

*La prudenta saĝulo konsilis prunte preni* UNU *kamelon de najbaro.*
*Tiam estis 18 kameloj en la kolekto.*
*Duono de 18 = 9 por la filo.*
*Triono de 18 = 6 por la nevo*
*Naŭono de 18 = 2 por la servisto.*
*Entute, 17 kameloj; oni redonis tiun, kiun oni pruntepenis, kaj ĉio restis en ordo!*

---

## PARADO DE... STULTAĴOJ

—Sinjoro markizo, ĵus venis la kuracisto.
—Hodiaŭ mi ne emas akcepti lin. Diru al li kion ajn; ekzemple, ke mi estas malsana!...

—

—Ĉu ankoraŭ vi estas enamiĝanta je tiu blonda knabino, kun kiu vi ofte iris?
—Ne; mi edziĝis kun ŝi antaŭ du monatoj.

—

—Doktoro, mi ne vidis vin en la enterigo de nia amiko Petro.
—Vi devas kompreni, karulo, ke se mi ĉeestus en la enterigo de ĉiuj miaj klientoj, neniel mi havus tempon por miaj vizitoj al klientoj nur malsanaj.

—

—Kiam viro min enuas, mi diras al li, ke mi loĝas eksterurbe.
—Ho, vere sprita! Kaj, kie vi loĝas?
—Eksterurbe.

—

—Diru, paĉjo, kio estas financisto?
—Persono, kiu gajnas monon pli rapide ol lia familio povas ĝin elspezi.

—

—Antaŭ unu jaro, mi vidis vin tre ofte kun ia virino; kaj tio nun ne okazas. Ĉu vi kverelis kun ŝi?
—Ne, mi edziĝis kun ŝi!

—

Malbelulino al specialisto pri estetiko.
—Kiom vi petas por mia operacio?
—Kvin mil pesetojn.
—Ho, tro multekoste. Ĉu vi ne povas rekomendi al mi ion, kio estos pli malkara?
—Jes, aĉetu vualon!

Plian fojon mi povis konstati la unuecon de la hispana esperantistaro, dum la grandioza kulmino de la nunjara Kongreso, kie la eksteraj formoj de plej agrabla ĝentileco, estis oportuna signo de aŭtentika interkonsento. Tio estas, per si mem, alta motivo de ĝojo, kiun duoble mi spertis pro la abundaj laŭdoj dediĉitaj al mia sensignifa persono. Mi dankas tiajn atestojn de simpatio, kiuj ankoraŭ min karese envolvas en la fora izoliteco de mia fantazia arbaro, kiu, se daŭre dum kvin jaroj, ideale min vivigis, ankaŭ ĝi perceptas nun, kiam velkas folioj en sveno, garnita per ĉiuj delikataj nuancoj de l'aŭtuno, ke ŝajne baldaŭ oni definitive min disblovos...

Estu tiel, se tia mia destino; sed, ĝuste ĝis la rando de mia nenieco, la ŝatataj titoloj de niaj gazetoj estos efektiva ligilo inter vi kaj mi. Nu, jen do la konfirmo:

Fronte de la parado, mi prezentas hodiaŭ la nomon de hispana kolego, promesplene kaj feste aperinta en sia unua numero: HELECO, monata bulteno de «La Verda Kolombejo», la dinamika grupo en la astura urbeto Ciaño-Santa Ana, kie, sub la gvido de lertaj fervoruloj, la movado estas unuaklasa kaj modela. Ĉi tiu gazeto, kvankam multobligita, estas tre klare legebla kaj belaspekta en siaj ses paĝoj. Estu dirite, kiel sufiĉa laŭdo, ke S-ro Alcibiades González Meana estas la redaktoro, mi akceptas danke liajn afablajn vortojn kaj simple rekomendas al ĉiuj akiri ekzempleron de tiu grupa informilo, kiu inde rangas apud naciaj organoj. Ankaŭ la Madrida Grupo aperigis *presitan* bulteneton, kiu pro sia formato kaj amplekso estas bela miniaturo kun interesa enhavo. Jam en eksterlando, mi ŝatas laŭtigi la meritojn de alia simple regiona publikigaĵo: ORA ULEKSO, organo de okcidentfrancaj esperantistoj. Ĝi estas io ĉarma, kun tiu speciala bongusto, kiun nur posedas la hejme faritaj frandaĵoj. La numero, kiun mi recenzas estas kvazaŭ albumo pri la milda Bretonio, la malnova regiono riĉega je legendoj, kiun intime oni povas koni, legante la bonegajn artikolojn aŭ rigardante la trafajn desegnaĵojn de niaj tieaj amikoj, kiuj vere meritas plej varmajn GRATULOJN —tiel, per honoraj literoj!— pro sia arta kapablo kaj admirinda fervoro. ESPER-NANTA GAZETETO, de la Grupo el Nantes, estas ĉarme petola, kiel sana bubo. Ĝia interna prizorganto estas kriema grilo, kiun mi speciale estimas pro ia komuneco en zorgoj kaj taskoj, eĉ en la stilo, ĉar «la grilo tute ne silentas. Kiam la babilaj birdoj enlitiĝis, kiam la kriintaj infanoj revadas pri nefinontaj libertempoj, ĝi ankoraŭ bruas al la luno. Ĉu la luno aŭskultas ĝin? Eble ne! Tamen, ĝi plie parolas!» Ĉu ne vere, ke ĝi estas kvazaŭ frateto mia? Grandan parton de la gazeto okupas priskribo pri la vizito de brita karavano, kiu donis injekton de entuziasmo kaj optimismo, mi fidas je tiaj kvalitoj por forigi la funebran demandon ĉu malaperos la simpatia gazeteto, ne pro manko de mono, sed pro manko de alio, eble ankoraŭ pli valora: la tempo... En mia revuado pri la klubaj gazetoj neniel devas foresti MATENRUĜO, eldono de la Distrikto Haarlem de la Nederlanda Fed.



**La esperantista amaso, veninta el 30 landoj, sida de la 38ª Universala Kongreso de Esperant**

# INTER LA PROZO DE LA

## NIA KANDIDATO S-RO J. REGULO

*Kun ĝojo, ni rapidas sciigi la agrablan novaĵo docento en la Universitato de La Laguna, en de la Akademio de Esperanto. Multe da artik literaturaj fakoj, pruvis jam de longe lian kom per la meritita elekto, kiu, se honoro por la promeso kaj fidinda garantio de juneca revi*

*Radio-aŭskultantoj en Valencio: ATENTU! La interesa Esperanto-elsendo de «Radio A*



...s en la Foirejo de Zagrebo, dum la Solena Malfermo ..., tre sukcese okazinta fine de pasinta Julio.

## ...ESPERANTISTA GAZETARO

de Lab. Esperantistoj; ŝatata konato ĝi estas, ĉar nur la nomo de ĝia bela urbo elvokas ĉe mi dolĉajn rememorojn, kiuj estas intime ligitaj kun amata tiea familio. Cetere, jam oni scias, ke venontjare la Universala Kongreso havos, kiel fonon, la nekompareblan tapiŝon de la senfinaj kampoj de tulipoj, en la fabele-ĉarme loga Haarlem. Daŭrigante la prezentadon, venas vico al NOVA HORIZONTO de la Fako de Naturamikoj en la belga sekcio de Bruselo; en redakcia artikolo oni diras: «Dank' al Esperanto ni trovas novajn amikojn. Niaj kantoj kaj dancoj estas rimedo por la ĉiutaga teda kaj banala vivado La amikeco reganta en niaj tendejoj, la malkovro de multvariaj aspektoj de la admirinda naturo konsistigas realigaĵon pri kiu ni estas des pli fieraj, tial ke ĝi estas verko de intelektuloj kaj manlaboristoj, kiuj, man' en mano, kunlaboras. La vojo estas larĝa kaj luma; nekonata amiko, akompanu nin!» UNIVERSAL LEAGUE estas informilo de Universala Ligo, preskaŭ nur en angla lingvo, por la brita teritorio. THE WORKER ESPERANTIST ankaŭ aperas kun abunda anglalingva enhavo; ĝia nova poŝformato estas plaĉa. INFORMILO de la Internacia Grafika Esperantista Ligo daŭras en sia tasko interkontaktigi ĉiujn samideanojn, kiuj iel ajn rilatas kun la grafika laboro, kio estas bela kombino de metio kaj arto. En eltiro de raporto pri antaŭ ne multe okazinta internacia Grafika Kongreso en Vieno, oni konstatas, ke ĝenerale en la grafika industrio ne ekzistas senlaboreco, eĉ en kelkaj fakoj mankas specialistoj. BULTENO de la Gepatra Sekcio, en la Germana Asocio, akiras pli kaj pli kategorion de altranga internacia informilo pri la valoraj klopodoj instruadi nian lingvon al la infanoj, jam en la hejmo. Bonega estas la artikolo «Esperanto en la familia vivo» ĝi meritas kompletan represon, sed mi prezentas nur la finon: «Ni ne limigu la aplikadon de nia internacia lingvo sur la hejma tereno, sed zorgu kiel eble plej frue, ke la infanoj travivu vivantan eksteran kontakton, ke ili travivu Esperanto-festojn, por ke ili --ne teorie aŭ racie, sed fakte kaj anime-- eksciu la gravecon de Esperanto, ke ili amikiĝu kun samaĝuloj en fremdaj landoj. La samrajta aplikado de Esperanto, en la ĉiutaga familia vivo, apud la nacia lingvo, estas certe grava kaj necesa paŝo de ĉiu sincera esperantisto, sed tio ne restu la sola paŝo». Al ĉiuj gepatroj, el la esperantistaj rondoj, tre varme mi rekomendas la regulan legadon de tiu bulteno. LA FERVOJISTO de la francaj fervojistaj samideanoj fariĝas vigla kaj distra periodaĵo; kun novaj sekcioj kaj rubrikoj pri kulturo, turismo, k. t. p. ĝi agrabligas la enhavon sen domaĝo por la pure fakaj informoj, nur koncernaj al tiuj herooj, kiuj dresas sur fera vojo pezajn lokomotivojn en aroga defio al la horizonto.

Tamen, nevenkebla ĝi estas por la amplekso de nia vidkapablo, kiu, eĉ per helpo de lorno, ĉiam trovas antaŭ si la enigmon de novaj optikaj baroj, kiel bremso al la homa scivolemo, en kies tre variaj faldoj ludas kaj petolas per naivaj artifikoj

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

### ... PEREZ JAM ESTAS AKADEMIANO!

*...n, ke nia estimata amiko S-ro J. Regulo Pérez, ...a Kanariaj Insuloj, estas ĵus elektita kiel membro ...oloj kaj daŭra specifa laboro, en intelektaj kaj ...petentecon, kiu nun ricevas adekvatan sankcion ...tuta hispana esperantistaro, ankaŭ estas solena ...liĝo en la plej supera instanco de nia lingvo.*

***...erta» ne plu okazas merkede, sed marde, je la 23'30 ĝis la 24ª, per la jam kutimaj ondoj***

*La colección filatélica, expuesta en la Exposición organizada por el «Círculo Filatélico y Numismático», de Barcelona (véase* BOLETIN *n.º 55. pág. 506), obtuvo uno de los primeros premios, consistente en una copa donada por el señor Vicepresidente del Círculo organizador. Nos satisface que esta colección, presentada por el Grupo Esperantista de la Cooperativa de Tejedores a Mano, haya merecido la destacada distinción, que a todos nos enaltece*

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● INGLATERRA.—La editorial «Win. Clowers & Sons. Ltd.», de Londres, ha lanzado al mercado la segunda edición de «Guide to the Languages of Europe» en veintiseis idiomas, entre ellos el Esperanto. En el prólogo de esta obra, de uso tan general, se dice claramente: «Es un error suponer que el inglés y el francés sirven a uno en todas partes...»

● HOLANDA.—En el presente curso 1953-54 proseguirá, dentro del programa «Studium generali» de la Universidad Municipal de Amsterdam, la enseñanza del Esperanto.

«Tijdschriff voor de Amsterdamse Politie», revista de la policía holandesa, está publicando un curso de Esperanto. Es ya frecuente en el país de los tulipanes encontrar guardias con el distintivo de la estrella verde, emblema internacional del Esperanto.

● AUSTRIA.—Las Oficinas de Turismo de las ciudades tirolesas de Wörgl y Kufstein han editado folletos sobre sus bellezas turísticas. Con texto en alemán, se envían con hojas suplementarias en Esperanto, si así se indica. Pueden solicitarse gratuitamente estos interesantes folletos de: «Verkenhrsamt - WORGL» y de «Verkehrsburo - KUFSTEIN».

● SUECIA.—Bajo la dirección del señor Thilander se publica «Esperanta Ligilo», revista para ciegos en sistema Braille, escrita en Esperanto. El número de lectores alcanza ya la cifra de dos mil, distribuídos en casi todos los países, probando las ventajas del idioma universal para las relaciones internacionales entre los no videntes. La Comisión gubernamental sueca de U. N. E. S. C. O. y el «Instituto Sueco de Información para el extranjero», colaborando con «Sveda Esperanto-Instituto», organizó una Semana Cultural, subvencionada por el Gobierno, la cual tuvo lugar en Frostavallen (Hoor), del 9 al 16 de Agosto. Esta Semana se desarrolló utilizando únicamente el Esperanto como idioma común, y bajo el lema «Intercambio cultural internacional» comprendió conferencias de los señores Lakshmisvar Sinha (India), Julia Isbrucker (Holanda), Ivo Lapenna, abogado del Tribunal Internacional de La Haya, y los suecos John Stenstrom, Jan Stronne y el Rector de la Universidad de Uppsala, Karl Soderberg. Resultando todo ello un gran éxito.

● BRASIL.—En Ubá (Minas Gerais) ha sido rotulada con el nombre de «Esperanto» una calle del barrio Santa Cruz, de dicha ciudad. En la Universidad Católica Pontificia de Porto-Alegre, se ha introducido la enseñanza del Esperanto. Las autoridades eclesiásticas brasileñas consideran que el idioma auxiliar es un instrumento muy útil para las relaciones entre los católicos de todo el mundo y de idioma diferente.

● ESTADOS UNIDOS.—Durante el pasado año se han dado cursos de Esperanto en 26 Escuelas y Universidades de catorce Estados de la Unión. Han sido 640 los centros docentes que en el mundo han enseñado el Esperanto en 1952. «Hadley School for the Blind» (620, Lincoln Ave. - WINNETKA III) ha iniciado un curso de Esperanto por correspondencia en sistema Braille para ciegos. «American Catholic Sociological Review», de la Universidad de Loyola (Chicago), publicó un artículo, en su número de Junio 1952, sobre la Comisión Internacional de Sociología, encuadrada en «Universala Esperanto-Asocio».

● AUSTRALIA.—Se ha proyectado por primera vez en Nueva York un film producido por «The Australian News and Information Service», oficina gubernamental, para la divulgación de la geografía, economía y folklore del continente del Pacífico. El film, en color por sistema Kodachrome, lleva un interesante comentario en Esperanto.

---

**El domingo día 10 de Mayo quedó constituído el grupo esperantista de la Organización Nacional de Ciegos en Barcelona. Este grupo está integrado en su mayoría por jóvenes ciegos, becarios de la Organización, cuya preparación intelectual asegura un nuevo contingente de esperantistas conscientes, laboriosos y entusiastas, animados por el fervor constante del señor Gómez Ibars, profesor de idiomas de la Sección de Enseñanza de la Organización Nacional de Ciegos en Barcelona y presidente de esta nueva agrupación esperantista en la ciudad condal.**

**DEVENO KAJ VIVO DE LA LINGVO ESPERANTO.** Petro Stojan. - Brugge, Flandra Esperanto-Instituto, 1953. - 110 p., 12 x 15'5 cm. Prezo 30 belgaj frankoj aŭ 2,25 guldenoj.

Se ripetado je lego de verko estas signo de ŝato, mi tre ŝatas ĉi tiun libron de S-ro Stojan: ĝin mi jam legis, de komenco ĝis fino, ses fojojn, kaj pecojn tie kaj tie, ankoraŭ pli multajn fojojn. Forttrajta temperamentulo, multfaceta homo ĝin verkis kaj plej ameme ĝin poluris, dum pli ol 25 jaroj; la studaĵo do svarmas je trafaj ideoj, valoraj konstatoj, brilaj elmontroj, pensigaj kritikoj... Certe, ne ĉiuj dividos asertojn tie trovatajn; sendube ne malestas nekonsekvencaĵoj; probable iuj trovos ĝenaj instigajn revenojn al jam konsideritaj punktoj; tre verŝajne herezaj esprimoj, drastaj, senindulgaj batoj skurĝos prudemulojn kaj alarmos konservemegulojn; eble kelkajn ŝokos la apogiloj, kiujn Stojan uzas, ĉar malortodoksaj al niaj ĝisdataj prilingvaj doktrinoj... Kaj tamen...

Tamen —intence mi martelas la kontraŭecon— se mi volus reliefigi nur la pozitivajn aspektojn de la libro, sole la opa cito de la temoj glositaj superbordus la kadrojn de la spaco, kiun disponas nia BOLETIN por recenzoj. Sed mi ne povas ne mencii la ĉapitron *Zamenhofa lingvo,* kiu eminente enkondukas la leganton al ege instrua observado de la evoluo de Esperanto, kun montro de interpuŝiĝo de diversaj lingvo-tendencoj kaj sekva naskiĝo de leĝoj propraj al nia idiomo, laŭ kiuj ĉi tiu poste daŭre progresas al klaro, esprimriĉo, kohero, memeco. Atentovekaj estas liaj rimarkoj pri la uzo de *da* kaj pri la fundamenteco (t. e. pravigo de ekzistorajto, laŭ uzo en la *Fundamento)* de la nedifinita artikolo *unu.* Sed ĉefe en la leksikona tereno, kie Stojan estas spertega fakulo, li sin movas majstre, suverene; vortoj, intervortaj komparoj kaj priaj glosoj havas la leonan parton en la libro, sed ja ne domaĝe! Kaj ĉio spicita, farĉita per tre ampleksa kono de niaj lingvaj eventoj: Konstatoj de la vivanteco de Esperanto; eklumigoj al la ideaj instigiloj de Zamenhof, kiuj subkonscie kondiĉigis lian verkon; ektuŝoj al psikanalizaj problemoj de la zamenhofa mentalo, ktp., ktp., irigas la leganton tra nekutimaj —kio ne signifas malpli pravaj!— vojoj al pli ĝiskerna kono de nia idiomo. Tiel, do, la pozitiva rezulto de la studaĵo de Stojan multe superas la diskuteblajn, certe diskutendajn, dezirinde diskutotajn pecojn de la libro. Se diskuto leviĝus, sur objektiva bazo kaj en deca maniero, nur gajno por Esperanto povus sekvi.

Mi konfesas, ke mi estas partiano de la verko de Stojan kaj ke mi kredas ĝin tre utila, interesa, grava por nia movado. Eĉ pli: mi deziras, ke ĉirkaŭ ĝi estiĝos viglaj kritikaj komentoj, ĉu poraj ĉu kontraŭaj ĉu kompletigaj, per kies helpo ebliĝos dua relaborita eldono, kiu, sen ia dubo, fariĝos klasikaĵo, inter la konsultverkoj de la lingvo. Tial, mi varme rekomendas ĝian ripetan legadon kaj studon al senantaŭjuĝaj superuloj pri lingvaj problemoj de nia afero; neharditojn kaj facilanimajn diletantojn la aŭtoro ja ne celis. Se al tio oni aldonas, ke la lingvaĵo de Stojan estas bonega, kun virtuoza rego de la embarese riĉa esprimeblo de Esperanto, knedita en slava mentalo —kiu tiom gravis dum la ekestiĝo de nia lingvo—, certe ne estos troe, ke mi ekzalte diru:

Dankon, S-ano Stojan! Kaj dankon ankaŭ al vi, Flandra Esperanto-Instituto! Jen digna laboro, kiu meritite honorigas aŭtoron.

**J. RÉGULO PÉREZ** - Kanariaj Insuloj

---

**ZAMENHOFA LEGOLIBRO** de M. Kidosaki. Eldono de «Japana Esperanto-Instituto» (Hongo-Motomati, 1 - Tokío (Japanio) 106 paĝoj, formato 13 x 18 cm. Prezo 30 usonaj cendoj aŭ 5 resp.kup.

Ĉi tiu broŝuro, celante havigi al japanaj gelernantoj kursan legolibron, en unu volumo enhavas du partojn: 1.ª, eltiraĵoj el tradukoj; 2.ª, eltiraĵoj el originaloj, krom aldonoj pri kronologio kaj libroj verkitaj de Zamenhof. La libro, malgraŭ kelkaj japanlingvaj klarigoj, estas tute taŭga por ĉieaj progresantaj gelernantoj.

Bona preso per klarvideblaj literoj.

**NI NE POVAS SILENTI!** Eldono de «Esperanto Kenkjuŝa» (87, Matuba - Mija-tyo - Aitiken (Japanio) 40 paĝoj, 13 x 18 cm. kaj 10 interesaj fotoj. Prezo 17 usonaj cendoj aŭ 3 respondkuponoj.

Ĉi tiu broŝuro estas Esperanta traduko de raporto, prezentota por ne okazinta Internacia Kuracista Kongreso en Montecazini (Italio) dum oktobro 1952, kun fakaj artikoloj de la tri japanaj reprezentantoj al tiu Kongreso. La verko prezentas sciigojn pri konsekvencoj de la atombombo ĉe la homa korpo kaj atentigas pri la egaj domaĝoj de la nomita bombo, okaze de realuzado.

**ERNESTO HURTADO**

*S-ro Emilio Artigas, la ekzemplodona fervorulo el Zaragozo, jam ne plu vivas. Li mortis la 17an de pasinta Septembro, meze de la ĝenerala estimo; ĉar, kvankam pro alta aĝo kaj daŭra invalideco, li ne povis partopreni en la nuntempa movado, oni ne povas ankaŭ facile forgesi, ke li estis kompetenta instruanto de tiuj mem, kiuj nun instruas. Krom tio, lia afableco kaj honesteco montriĝas en la sekvantaj vortoj el lia biografio, aperinta en malnova bulteno de la Grupo «Frateco», kiujn ni represas, honore al lia kara memoro: «Jen la modesto, boneco, kaj laboremo personigitaj en eta korpo, tiel malgranda, ke ĝi nur havas la nepre necesan materion por reteni en ĉi tiu mondo lian grandan spiriton, kiu igas feliĉa ĉiun, kiu lin konas aŭ kun li rilatas». Bedaŭrinde, tiu eta tre digna korpo ne plu estas inter ni, sed almenaŭ la ekzemplo de lia vivo stimulos nin sekvi la vojon, kiun obstine li trabatis. Al ĉiuj liaj gefamilianoj, nian plej sinceran kondolencon!*

## NOVA ESPERANTISTA RADIO-ELSENDO

en Hispanio okazas ĉe «Radio Juventud». Helpu la regulan elsendon, sendante esperantaĵojn kaj ĉion, kio estas radiebla Esperante, france, angle, portugale.

Adreso: Radio Juventud, strato Real, 71, 1.° - La Coruña

## ESPERANTISTA VIVO

*Nia kara amiko Sebastián Chaler, pioniro de la Esperanto-movado en Tarrasa (Barcelono) ĵus jubileis sian 70-jaraĝon kaj ankaŭ sian senlacan laboradon por nia lingvo, dum 40 jaroj. Esperanto-Grupo de «Sociedad Coral Juventud Tarrasense» celebros ambaŭ jubileojn per intima festeto, honore al la aktiveco de nia fervora samideano.*

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a OCTUBRE 1953)

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 3.515 Ptas. |
| Comité Organizador del XIV Congreso Español de Esperanto en Bilbao ...... | 1.500 » |
| Total | 5.015 » |

*¡Buen remate de una buena organización!*

## LOTERIA NACIONAL

La Federación Esperantista Española ha adquirido para el próximo sorteo de Navidad (22 de Diciembre de 1953) los dos billetes enteros, con las siete series completas, de cada uno de los

**Núms. 22.195 - 39.454**

figurando ambos números en cada talón, a cuya participación están invitados todos los esperantistas y simpatizantes. Se han adquirido dos números, ya que el año pasado uno sólo fué insuficiente, quedándose muchos socios sin poder participar. Para información y encargos, así como para toda clase de envío de dinero, referente a este asunto, dirigirse al Depositario:

*EMILIO PRADES-Derechos, 39-Valencia*

## ANONCETOJ

Kiu dez. korespondi kun la tuta mondo, tiu skribu al Adonis González Meana, Ciaño-Santa Ana (Asturias), indikante aĝon, profesion, emojn, dezirojn. Bonvolu aldoni 3 pesetojn aŭ egalvalorajn poŝtmarkojn.

Mi deziras aĉeti ekzempleron de «Curso Práctico de Esperanto», de Duyos kaj Inglada, eldonita de José Espasa. Skribu al Adonis G. Meana, Ciaño-Santa Ana (Asturias)

**Societas Poliglotica Universalis**
Esperanto-Fako. Por informoj sin turnu al S-ro R. Castelló Pujades, str. Alba, 8
SERÓS (Lérida)

S-ro T. Elizondo, en Trucios (Vizcaya) Hispanio, sendos baskalingvan ŝlosilon de Esperanto kontraŭ 0'70 pesetoj per poŝtmarkoj. Al eksterlando oni sendos du ekzemplerojn kontraŭ unu resp. kupono.

**ATENTU! NOVA ADRESO**

P. Félix de Valois Arana, C. M. F. la fervora samideano kaj misiisto ne loĝas jam en Gvineo. Lia nova adreso enlanda estas jena: «Colegio del Corazón de María»
CASTRO-URDIALES (Santander)

S-ro Alvaro Viera deziras korespondi kun gesamideanoj en la tuta mondo. Adreso: Rua do Pombal, 35-ALMEIRIM (Portugalio)

**ESPERANTO EN GRAVA ENTREPRENO**

En la urbo Siracusa (Sicilio) la «Internacia Asocio por Defendo de Junulino» malfermis du loĝejojn por la turistinoj. La loĝejoj tre komfortaj kuŝas en tre ravaj lokoj de la urbo, apud mondfame konataj monumentoj: Greka teatro; romana forumo, orelo de Dionizo k. t. p. Por helpi la eksterlandajn turistinojn, Esperanto estas parolata.

Skribu por enkuraĝigi la entreprenon, aŭ por peti informojn, al la
**Protezione della Giovane presso Quattrocchi**
Via Vittorio Veneto, 92 - **Siracusa (Sicilia)**

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA